Esperanto servu pacon!

A K T U A L E

Monata informilo de Sovetia Esperantista Junulara Movado

№11(15) Decembro 1974

## EKSPERIMENTO: SEJM-KONFERENCO - AŬTUNE

La 7-9 de novembro 1974 la Komitato de SEJM organizis eksterordinaran konferencon por pridiskuti kelkajn gravajn demandojn de nia Movado. La konferencon partoprenis reprezentantoj el 17 aliĝintaj urboj: Barnaul, Birsk, Ĉelabinsk, Ivanovo, Leningrado, Miass, Moskvo, Novosibirsk, Omsk, Sterlitomak, Siktivkar, Salavat, Tiĥvin, Tjumenj, Tula, Ufa, U-Kamenogorsk. En programo de la konferenco estis distra parto: amuzvesperoj, ekskursoj, disputoj. Pri ĉi-parto mi ne skribu detale, ja legantoj de "Aktuale" bone imagas, kiel pasas niaj distraĵoj. La afera parto krom lokaj raportoj enhavis 8 gravajn demandojn, kiujn starigis antaŭ la konferencanoj la SEJM-Komitato. Tiujn-ĉi demandojn kun la ellaboritaj solvoj kaj opinioj mi volas skize prezenti al la legantoj.

1. <u>Kiel plibonigi laboron de niaj fakoj?</u> La plej grava demando, ĉar, malgraŭ la fakoj kaj ilia laboro havas esencan signifon por SEJM, la laboron de la fakoj ni apenaŭ sentis ĝis nun. Altan pritakson de la somera Konferenco ricevis nur la bibliografia fako (estro V.Cvetkova, Leningrad). Plibonigi la situacion eblas per nepra kreo de fortaj laborgrupoj en ĉiu fako, kiujn ekgvidos (grupojn) la fakestro. La faka laboro devas esti laboro de kolektivo, sed ne de sola fakestro. La historia kaj scienc-teknika fakoj jam komencis verbi kunlaborantojn. Ilian ekzemplon devas sekvi ĉiuj SEJM-fakoj. Ĉi-sistemo plifortigos la fakojn kaj neniigos la problemon pri interesa okupo por ĉiu klubano.

2. <u>Metodoj de interesa,alloga kursgvidado</u>. Ĉi-tiu demando elvokis amason da konversacioj, disputoj kaj eĉ ardan batalon inter apogantoj je klasika instrusistemo kaj adeptoj de antaŭa gramatikinstruado kaj posta tuttempa praktiko. Rezulte de ĉi-batalo murditoj kaj vunditoj forestis; pro tio mi opinias ĝin interesa nur por fakuloj-kursgvidantoj.

3. <u>Ĉu eblas paroligi komencantojn ne en SEJT, sed pli frue - en la klubo?</u> La demando fakte jam enhavis la respondon: organizi laŭeble 2 kursojn dumjare - elementan kaj paroligan. La konferencanoj aprobis ĉi-tiun solvon kaj indikis, ke por ĉi-celo bone taŭgas la lernolibro de B.G.Kolker, kiu enhavas 15 elementajn kaj 5 aldonajn paroligajn lecionojn.

4. <u>Kiel elaĉeti E-librojn (ekz. "Nuda inter lupoj"), kiuj trafis al neesp. urboj?</u> Aperis propono rekomendi al N.Cvilenova (V/p pri financaj aferoj) informiĝi pri librovendejoj de socialismalanda literaturo kaj elaĉeti ĉiujn librojn por poste vendi al bezonantoj. La vicprezidanto mem kaj multaj aliaj opinias, ke informiĝon kaj elaĉeton pli sukcese kaj ĝustatempe aranĝus lokaj kluboj en siaj regionoj.

5. <u>Eblaj variantoj de prelegoj pri Esperanto kaj plano por ĉiu varianto</u>. Ĉi-demando, certe tro komplika kaj ampleksa, naskis nur kelkajn proponojn. Omskanoj proponis pretan sistemigitan materialon por la prelego, kiun posedas ilia klubo. La saman materialon havas ankaŭ k-do Viktor Pavloviĉ Beŝkarev (603009 Gorkij-9, ul. Rezervnaja 11, kv. 3). Kvazaŭ respondo al moskvanoj, kiuj diris, ke prelego estas arto, por kiu ne taŭgas konsiloj, la E-klubo de

Ufa proponis organizi konkurson de priesperantaj prelegoj. Ufanoj pretas okupiĝi pri simila konkurso.

6. Eventualaj veturontoj al la antaŭSEJTa paroliga tendaro estis sinproponintaj kaj rekomenditaj unuvoĉe. Jen ili estas:

1. Cejtin Grigorij Samojloviĉ (Leningrad
2. Golencova Valentina Lavrentjevna (Ufa-47, Pervomajskaja 55-44).
3. Gonĉarov Anatolij Jevgenjeviĉ (Barnaul-99, abon. k. 11).
4. Iljuŝina Zoja Vasiljevna (Ivanovo-13, Kavalerijskaja 4-7).
5. Kolker Boris Grigorjeviĉ (Ufa-25, abon. k. 162).
6. Kulikov Vsevolod Vasiljeviĉ (Omsk-7, Sazanova 33).

Ne tro multe, tamen komenco estas. Ĉiu el logantoj de "A" povos deŝiri ĉi-liston per sia familinomo ktp., se li sentas deziron labori kun komencantoj dum la Konferenco. Estas bezonataj ne nur kursgvidantoj ankaŭ gitaristoj, ludemaj, sportemaj kaj similaj uloj.

7. Ĉu ni taksu la aktivecon de kluboj en dumtendara periodo?
La plimulto de konferencanoj respondis jese, ĉar foje 20-persona delegitaro de unu klubo faras en SEJT malpli da laboro ol 5-persona grupo de alia. Pli alte oni poentigas tamen la unuan - pro la kvanto. Ĉi-maljusteco devas esti forigota, la SEJM-Komitato devas ellabori proponojn pri dumtendara poentiga sistemo ĝis la vica Konferenco. Tio estas komuna opinio.

8. Ĉu ni poentigu plenumon de taskoj, kiujn donas al la kluboj la SEJM-Komitato?
- Jes,-respondis unuanime ĉiuj. - Poentigi kaj puni oni nepre devas, ĉar nur tiuokaze en SEJM ekregos forta disciplino.

Kaj nun mi volas diri tion, kion forgesis en la komenco. La priskribita konferenco okazis en tri diversaj lokoj; ĝi pasis en kadro de tri regionaj renkontiĝoj: Centro-Rusia, Okcident-Siberia kaj Volgo-Urala. Se aldoni tiun-ĉi punkton kaj analizi la rezultojn, ni vidos, ke la titolo "konferenco" por tiu-ĉi entrepreno estas tro pompa. Ĉar, unue, la proponitajn de la SEJM-Komitato demandojn ne pridiskutis Kaŭkazio kaj Ĉebaltio, kies RR-oj ne okazis, ankaŭ Ukrajnia renkontiĝo, kies programo estis preskaŭ plene distra. Kaj, due, eĉ la renkontiĝoj partoprenintaj la diskuton s p e r t a ŭ faris tion. Plej bone laboris OSER, kiu detale pridiskutis preskaŭ ĉiujn demandojn. CRERR pli-malpli serioze traktis la demandon pri faka laboro; krom tiu demando estis tuŝitaj ankoraŭ nur tiuj, kiuj bezonis jesan aŭ nean respondon. REVU enhavis tiom da komencantoj, ke la laborkunsidoj pasis dulingve, do pri serioza traktado de komplikaj demandoj eĉ ne temis.

Resumante ĉion mi tute certiĝis, kaj proves certigi vin en mia jam antaŭlonge esprimita opinio: dum festaj renkontiĝoj eĉ esperantistoj bezonas pli distrojn ol seriozajn babilojn. Organizantoj nur devas la distrojn aranĝi saĝe, por ke partuloj ricevu plezuron kaj komencantoj krom plezuro ankaŭ utilan edukon. La laborkunsidojn mi limigus je solenaj salutoj, lokaj raportoj kaj diskuteto pri demandoj, similaj al la 6, 7, 8. Tamen interesaj kaj utilaj estas altnivelaj prelegoj kiel tiu de R. Sikorskij, okazinta dum OSER, ankaŭ disputoj pri temo, komprenebla kaj interesa por ĉiuj partoprenantoj, kiel la nokta disputo en CRERR "Kiel mi okupiĝas pri E?".

Kaj fine. Mi dume ne kuraĝas diri, ke ankaŭ la freŝa maja vetero ne elvokos laboremon de la renkontiĝontoj. Pro tio mi planas ripeti la eksperimenton: sendi demandojn de la SEJM-Komitato ankaŭ al organizantoj de la majaj E-renkontiĝoj. Do la finaj rezultoj aperos en la sekva SEJM-Konferenco. Somero.

M. Bronŝtejn, v/prezidanto pri E-renkontiĝoj

## NI FONDU KOMISIONOJN DE SEJM

Pliefikigi la fakan agadon - jena tasko, kiel unu el la ĉefaj, staras nun antaŭ la SEJM. Ni donas al tiu problemo unuavican atenton, ĉar per sia laboro la fakoj kaj servoj devas prezenti al la esperantistaro larĝan spektron da eblecoj por praktika uzado de la lingvo - ĉu en internacia korespondado, ĉu sur scienca kampo, ĉu en literaturo ktp. Sed graveco de la celo postulas indan labornivelon, kiu bedaŭrinde ankoraŭ ne estas atingita, se paroli pri la faka agado ĝenerale.

Dum la lasta Konferenco la laboron de kvar fakoj ni taksis negative, kaj nur unu ricevis laŭdon. Ankaŭ dum antaŭaj jaroj la afero ne aspektis brile. Kion do ĝis nun faris SEJM por plibonigi la situacion? Unue, preskaŭ ĉiujare aperas 1-2 novaj fakoj. Tio estas normala proceso de kresko, tamen plilarĝigo de ĝenerala agadsfero de la fakoj ankoraŭ ne signifas plifortigon de ĉiu aparta fako. Due, ni komencis taksi laboron de la fakoj kaj stimuli kunlaboron de SEJM-kluboj kun ili per poentoj. Nu, poentoj, kompreneble, ne malhelpas, sed mi ne estas certa, ke tio povus ion ŝanĝi radike.

Ni ne forgesu, ke ĉio fin-fine dependas de la homoj. Tiu-ĉi tezo speciale validas por tia meminiciata movado, kiel la nia. Dume la stato estas tia, ke lasorton de tiu aŭ alia fako decidas fakte unusola homo - la fakestro. Se la fakon gvidas energia kaj entreprenema aktivulo - la afero progresas; se la fakestro maldiligentas aŭ simple estas katenita de personaj cirkonstancoj - la laboro de la fako stagnas. Kaj estas do sufiĉe evidente, ke havante nur unu respondeculon pri ĉiu fako, ni neniam akiros stabilecon en la faka laboro.

Mi opinias, ke venis la tempo transformi niajn fakojn (dume ne ĉiujn, sed almenaŭ kelkajn plej gravajn) al komisionoj. Komisiono estu laborgrupo, kiu okupiĝas pri certa agadsfero de SEJM. Ĝi konsistu el gvidanto (membro de la SEJM-Konsilantaro) kaj kelkaj kunlaborantoj, inter kiuj estu klare disdividitaj la taskoj. La konsisto de ĉiuj komisionoj devu esti konata al la tuta SEJM - koncernaj listoj (nomoj, adresoj, taskoj) ĉiujare aperadu en la Sekretaria Libro aŭ "Aktuale". Tiamaniere la faka agado iĝos afero pli kolektiva kaj sekve pli fruktodona. Konkrete, kiujn avantaĝojn povus doni la proponata sistemo?

Unue, anstataŭ nuna sufiĉe amorfa kunlaborado kun la fakoj, ni havus difinitan aron da respondeculoj kun precize formulitaj kaj publike sciigitaj taskoj. Tio stimulus disciplinecon en la laboro.

Due, en iuj fakoj la amplekso de la laboro ne ĉiam estas ĉirkaŭprenebla de unu homo, kiom ajn aktiva kaj talenta li estu. Prenu ni, ekzemple, la tradukan fakon. Oni tradukas prozon kaj poezion, klasikaĵojn kaj modernajn verkojn, diversajn ĝenrojn ktp. kaj krome el diversaj lingvoj. Ĉu povas la fakestro sola ĉion-ĉi bone prizorgi kaj pri ĉio esti kompetenta?.. Kaj tute alia afero estus, se ekzistus Traduka komisiono, en kiu unu koordinus tradukadon de poeziaĵoj, alia okupiĝus pri prozo, tria zorgus pri tradukoj el certa nacia lingvo ktp. Kaj ankaŭ k-do J. Muraŝkovskij povus tie esti respondeculo pri tradukado de scienc-fikcia literaturo (vidu "A"-9, p. 80)*. Unuvorte, disdivido de la laboro inter kompetentuloj pri diversaj terenoj forigos la nun neeviteblan superŝarĝecon kaj donos pli altnivelajn rezultojn.

Trie, la fakoj devas kontakti inter si, ĉar iliaj agadsferoj ofte havas multon komunan. Jen, ekzemple, tuta ĉeno, en kiu ĉiu fako bezonas koordini la laboron kun la najbaraj: magnetofona - kanta - poezia - traduka - bibliografia - historia - denove magnetofona. Nun tia kunagado ne estas en kontentiga stato. Sed havante anstataŭ fakoj komisionojn, ni povus rekomendi, ke en ĉiu el ili estu speciala respondeculo pri kunlaboro kun proksimdirektaj komisionoj.

---

*Rimarko de la Red.

K v a r e, se en nuna stato iu fakestro malaktiviĝas, ni transdonas la fakgvidon al tute nova homo, kiu ofte devas komenci la laboron fakte de nulo. Sed se forirus gvidanto de komisiono, ni nature anstataŭigus lin per unu el la komisionanoj, kiu jam havas kaj sperton de laboro en la komisiono kaj kontaktojn kun la malnova komisionestro. Do per fondo de komisionoj ni premisus kontinuecon de la laboro.

K v i n e, se komisionoj kiel nova formo de agado montriĝos taŭgaj, ni povos funkciigi ilin ankaŭ en novaj direktoj, kuŝantaj ekster la agadsfero de nunaj fakoj. Kial, ekz., ni ne povus fondi Konstrutaŭmentan komisionon?

Komprenebla, se ni decidos starigi la sistemon de komisionoj, la afero havos ankaŭ malfacilaĵojn kaj problemojn, unuavice: kie kaj kiel trovi konvenaĝn homojn? Mi tamen pensas, ke tiuj problemoj estas solveblaj. Konkretajn ideojn pri tio mi detenu ĝis alia fojo, se la propono montriĝos principe akceptebla. Sed por tio necesas, ke ankaŭ aliaj aŭdigu la voĉon. Do mi petas la SEJM-aktivularon, precipe la fakestrojn, esprimi siajn opiniojn pri la tuŝita temo sur paĝoj de "Aktuale". Bonvolu al diskutado!

V. Arolović, prezidanto de SEJM

* * * * * * * * *

Al la redakcio de "Aktuale"

En "Aktuale"-9 estis artikolo de k-do B. Anoĥin "Pri rajto partopreni tendarojn". Laŭ mi ni tute ne devas konkretigi, kiom da komencantoj rajtas veni al tendaro kun unu aŭ kelkaj spertaj E-istoj. Kie ankoraŭ krom en E-tendaro povas bone spertiĝi praktike ekposedi la lingvon komencantoj? Certe, ĉiujare al tendaro venas novaj kaj novaj komencantoj, sed mi opinias, ke plej parte la problemon de malbona lingvoposedo solvos la kvintaga antaŭtendara preparperiodo por komencantoj. Krome,en urboj, kie E-movado nur komenciĝis, oni ne povas trovi sufiĉe da spertuloj por sendi ilin kun komencantoj. Mia opinio estas jena. Unue, kiel mi jam diris, tiun problemon parte solvos la antaŭ tendaraj kvin tagoj por komencantoj, ĉar multaj el ili simple havis malbonan praktikon. Due, ĉiu rekomendanto devas respondeci pri ĉiu rekomendita komencanto. Se okazos, ke en la tendaro liaj komencantoj tro krokodilas, tiam la konsilantaro de SEJM povas limigi lin en rajto rekomendi.

Pri "Interhelpa fonduso" ("A"-9). Al mi plaĉas tiu-ĉi ideo, ĉar estas multe da E-istoj, kiuj havas E-revuojn, librojn kaj aliajn esperantaĵojn, sed ne utiligas ilin; kaj male - en kluboj, kiuj nur komencis sian laboron, ofte ne estas eĉ E-revuoj por fari ian standon. Do la ideo estas bona, kaj ni tuj petas helpi al siktivkaraj E-istoj per lernolibroj.

Kaj ankaŭ kiel informo*

La duan jaron funkcias la E-klubo "Norda stelo" kiel sekcio de Klubo de internacia amikeco ĉe Siktivkara ŝtata universitato. En tiu-ĉi jaro en la klubo estas preskaŭ tridek homoj. Pri la klubo oni multe informas. En respublikaj gazetoj estis kelkaj artikoloj pri E kaj la klubo de internacia amikeco. En la respublika radio okazis 10-minuta elsendo pri E kun E-koncerto, estis intervjuitaj studentoj, kiuj lernas E-on, kaj okazis raporto el E-leciono. Pri la laboro de la Klubo de internacia amikeco la prezidanto de la klubo estis aŭskultita en la partia komitato de la universitato. La prezidanto, Sergej Gamzin, estas esperantisto. La laboro de la klubo estas aprobita. Nun kluba delegacio, en kiu preskaŭ ĉiuj estas E-istoj, veturis al Petrozavodsk, kie okazos konferenco de kluboj de internacia amikeco.

---

*La informa parto de la artikolo estas mallongigita, ĉar multe inf. materialo pri la vivo de E-klubo aperis en "A"-10,p.89 (Red.).

Kaj fine, "Aktuale" venas al ni tro malfrue. Kelkaj sciigoj, ekzemple, pri abono de Internacia pedagogia revuo, "Starto" de la Ĉeĥa E-asocio jam malfruis. Samaj sciigoj en KKK ĉiam venadis pli frue.

Kun estimo

O. Ŝtraler (Siktivkar)

## PETLETERO DE LA BIBLIOGRAFIA FAKO

Karaj geamikoj!

Pro malsano mi devas almenaŭ dum 6 monatoj esti ekster aktiva E-movado, kuŝi en malsanulejo. Mian laboron mi tamen po-iomete komencas daŭrigi, kvankam kondiĉoj fakte forestas.

En "Aktuale"-9 mi legis artikolon de J.Petrulis pri la laborplano de la Historia fako. Al mi ŝajnas, ke ĉiuj kluboj, kiuj subtenas la laboron por preparo de tutlanda E-katalogo, devas atente tralegi la parton "Bibliografio" en la artikolo de k-do Petrulis. Temas jen pri kio. Nun mi kompilas la alfabetan parton de la katalogo. Sed la vidintoj la katalogon povas konstati, ke uzi la alfabetan katalogon estas tre malfacile. Necesas havi ankaŭ laŭsisteman katalogon.

Kompilante la alfabetan mi ankaŭ povas konstati, ke en diversaj urboj bibliotekoj enhavas tute malsamajn librojn. Laŭ la titolo ofte ne eblas kompreni, pri kio temas libro. Tial mi havas grandan peton al ĉiuj anoj de kluboj, partoprenantaj la kompiladon de la katalogo. Estus necese trarigardi la librojn kaj skribi sur slipo aŭ sur ĝia dorsa flanko, pri kio temas la libro laŭ temoj, proponitaj en la artikolo de J.Petrulis. Samtempe por ĉiu okazo (se eblos iam presi la katalogon - pri tio pensas s-ano S.N.Kuznecov el Moskvo) mi rekomendus ankaŭ skribi la dimension de libroj en cm (ekz., 25x10; 10x7,5 ktp.) aŭ almenaŭ la altecon en cm.

La laboro estas tre granda, kaj sen via komuna helpo fari ĝin mi ne kapablos.

Mi petas pardonon de Tallinn, Vilnius, Riga, Klaipeda, sed mi esperas, ke komence de januaro ili rericevos la slipojn por laboro. Estus dezirinde, ke mi havu la materialojn proksimume al majo. Ankaŭ vi havos eblecon korekti la proprajn katalogojn.

Mia adreso restis sama, skribu. Koran saluton al ĉiuj E-istoj.

V.Cvetkova, estro de la Bibliogr. fako

## LA XVII EN SIBERIO

Laŭ la decido de la lasta SEJM-Konferenco SEJT-17 okazos en Siberio, kaj okcident-siberiaj E-aktivuloj per ĉi-artikoleto intencas doni klaran bildon pri la kondiĉoj de la ĉirkaŭtendara naturo, pri ties klimato. Do...

Karaj gekamaradoj! Kiuj partoprenis la 10-an SEJT-on ĉe la Telecka lago, ĉu vi memoras karesojn de ties suno kaj koniferan spiradon de densega arbaro? Por ni, siberianoj, memkompreneblas, niaregiona pitoreska naturo estas multe konata, sed de tio nia intereso ne estingiĝas, sed male - ni ĉiam admiras ravegajn pejzaĝojn de nia siberia regiono, ĝian naturan sovaĝecon, sun- kaj varmoriĉajn somerojn kaj neĝoabundajn vintrojn kun fabelaj frostoj.

La tendaranoj de la 1975 havos eblecon ricevi plezuron de la supremenciitaj ĝuaĵoj (certe krom la menciitaj belaj frostetoj kaj kotonsimila neĝo). La temperaturo de la aero en la unua duono de aŭgusto plejparte estas+22 ĝis 28°C de varmo. La suno taŭgas porr sunbruniĝi; la temperaturo de akvo en lagoj estas preskaŭ egala al la aero, kaj en riveroj (plejparte tiuj estas montaraj) iom pli malvarma ol tiu de akvo, kvankam taŭgas ankaŭ por riverbanado. En

niaj riveroj kaj lagoj vi povas grandplezure sporti ne nur naĝadon, sed ankaŭ altsukcese fiŝkapti: bramoj, perkoj, lojtoj, ezokoj kaj aliaj fiŝspecoj atendas fiŝkaptemajn E-istojn.

Fungokolektemuloj! Ankaŭ por vi estos plezuro dum libertempoj tendaraj. Sportludoj en akvo kaj sur sablaj bordoj, ĝua sunbruniĝado fiŝsupo kaj aroma teo ĉe vespera lignofajro akompanata de gitarkanzonoj - jen nur eta parto de eblaj amuzaj aranĝoj en la siberia tendaro.

Turistoj kaj alpinistoj! Ankaŭ belaj montoj kaj montetoj kun pitoreska rokaro situas ĉirkaŭ la tendara placo - eblos konkuri en alpinismaj suprenmarŝoj.

Do la kondiĉoj por la tendaro estas vere ravaj, ĉiuj adorantoj de tendumado kaj sovaĝa naturo havos ĉion por kontentigi sin.

Legu, geamikoj, nian "Aktuale", atentu pritendarajn informojn kaj artikolojn - tiuj aperados temp-de-tempe, mem aktive partoprenu preparon de tendaraj programeroj. Tiucele sendu viajn proponojn, kritikojn pri la pasintatendaraj programeroj al "A", al la SEJM-komitatano M.Bronŝtejn kaj al la aŭtoro de tiuj-ĉi reklamlinioj.

B. Anoĥin (Ust-Kamenogorsk)

GRAVEGE! "AKTUALEGE"! URĜEGE!

Geamikoj!

Burĝonas ebleco lanĉi eldonadon de revueto poreksterlanda en E-o kun eblo aboni ĝin ankaŭ enlande. Por florigi la burĝonon estas urĝe necesa via amasa subteno. Mi petas skribi vindividue aŭ klube (grupe) ruslingve al "Moscow News" proksimume la jenon: vi korespondas individue aŭ grupe kun multaj (eblas nombro) eksterlandanoj, kiuj ofte petas vin sendi al ili iujn sovetiajn eldonaĵojn (politikajn, belartajn) en E-o (vi povas eĉ mencii iujn konkretajn verkojn aŭ aŭtorojn), ili petas vin sendadi (abonigi) al ili sovetlandan E-periodaĵon. Vi abonas "Moscow News" (aŭ "Les nouvelles de Moscou", aŭ "Novedades de Moscu"), kaj vian kapon venis la ideo: ĉu ne povas la redakcio eldonadi iun periodan politikan-belartan ekstraktonankaŭ en E-o. Viaj eksterlandaj amikoj kun plezuro abonus ĝin, ankaŭ vi mem tion farus. Plue sekvu aliaj viaj proponoj ĉi-temaj, ju pli variaj, des pli bone. Petu ankaŭ ĉe viaj eksterlandaj korespondantoj skribi leterojn pri tiu temo al la redakcio laŭ la adreso:

Moskva, Gorjkogo 16/2,"Moscow News".

Estus bonege, se viaj korespondantoj dirus, ke la lingvo, en kiu ili legas tiun ĵurnalon, estas por ili fremda, kaj ili dezirus legi elsovetian periodaĵon en pli facila por ilia komprenolingvo - Esperanto. Komprenenble, ke tion povas diri nur homoj el ne-angle- france-hispane parolantaj landoj.

V. Samodaj (Moskvo)

REVU - X

La 7-9-an de novembro en la urbo Salavat okazis REVU-10. Ĝin partoprenis ĉirkaŭ 50 homoj el urboj: Salavat, Ufa, Ĉelabinsk, Sterlitomak, Birsk, Uljanovsk, Dimitrovgrad, Miass, el diversaj vilaĝoj de Baŝkirio, kaj de la Tjumena regiono.

Ni, geufanoj venis al Salavat vespere la 7-an de novembro kaj loĝiĝis en bona hotelo "Ural", sed la mastroj tute ne okupiĝis pri nia vespermanĝo. Ĉar dum festo vendejoj fermiĝas tre frue, por

ni kaj aliaj gastoj ankaŭ komenciĝis malsata vespero. Okaze de tio ni verkis kanton, kiun nomis "Stomakaj suferoj". Post tiuj-ĉi"suferoj" la mastroj invitis nin en kinejon.

Matene la 8-an de novembro okazis ekskurso tra la urbo, kiun gvidis la mastrino de nia renkontiĝo G.Poltorackaja. Post la ekskurso komenciĝis la konferenco. Antaŭ la komenco de oficiala parto de la konferenco elpaŝis la unua sekretario de la urba komsomola komitato. Li salutis nin kaj promesis plue ĉiam helpi al la Salavata E-klubo kaj al niaj renkontiĝoj. B.Kolker donacis al li sian E-lernolibron, kaj mi Esperantan insignon.

La konferenco komenciĝis. Reprezentantoj de la kluboj raportis pri laboro de siaj kluboj. Poste ni pridiskutis demandojn, kiuj estis starigitaj de la SEJM-Komitato. Tre interesa evidentiĝis la demando pri metodiko de instruado por komencantoj. Elpaŝis preskaŭ ĉiuj gvidantoj de kursoj. Ekzemple, R.Egorova (Ufa) diris pri tio, ke komence de la studado ĉiuj komencantoj volas scii pli multe kaj pli baldaŭ, tial al ili necesas doni pli grandan studan materialon, kaj, certe,

la plej facilan, kaj poste jam daŭrigi instrui ilin laŭ lernolibro. Sed T.Popova (Ufa) kontraŭis al ŝi: kiom ajn multe da informajoj donu al homo, tutegale li ne povos enkapigi pli, ol tion permesas lia memorkapablo. Ĉiuj el gvidantoj interesiĝis pri pli sukcesa kaj pli progresema laboro kun komencantoj. B.Kolker rakontis, laŭ kiuj principoj li konstruis sian lernolibron, kaj donis al gvidantoj kelkajn utilajn konsilojn.

Post la konferenco estis bankedo en la restoracio de la hotelo "Ural". Komence de la bankedo ni kantis niajn "Stomakajn suferojn" kaj donacis la vortojn al la prezidanto de la Salavata E-klubo V.Zibenkes. La bankedo pasis gaje. Ni multe kantis, dancis ĉe sonoj de la restoracia orkestro ktp. Malfrue vespere ĉiuj partoprenantoj kunvenis en la ĉambro de ufaninoj kaj rigardis slajdojn pri SEJT-16, kiujn faris N.Gvileneva.

La 9-an de novembro ni organizis adiaŭan matenmanĝon, iomete p promenis tra la urbo kaj disveturis laŭ la hejmoj.

Ĝis revido, Salavat!

Kelkaj strofoj el la kanto "Stomakaj suferoj"

Ni tra l' stratoj salavataj
Promenadis tre malsataj,
Povis manĝi pro neceso
Kamaradon Zibenkeson.

Petis ni de Zibenkeso
Doni de l' manĝej' adreson.
Ni rigardis kun kareso,
Kaj respondis Zibenkeso:
"Kiu volas, tiu povas;
Kiu serĉas, tiu trovas..."
(Entute 13 strofoj).

V.Belova (Ufa)

* * *　　* * *　　* * *

La 28-an de oktobro en Zaporoĵje finiĝis Ukrajnia interurba renkontiĝo de E-istoj. Ĝi estis oficiala turista entrepreno kun ekskursoj, kun enhoteligo.

La ĉefa celo de la renkontiĝo estis kunvenigi novajn homojn kaj montri al ili, ke vere ekzistas E-istoj, paroligi la novulojn. El speciale E-aranĝoj krom E-ĉiĉeronado dum la ekskursoj estis dimanĉa vizito de ĉiuj al la ejo de ZKE, kie aktivuloj spektis kaj partoprenis lecionon kun la lokaj kursanoj. Samloke okazis E-loterio por la fonduso "E-tajpilo por ZKE", poste estis vizito al la urba bild-

muzeo, kie klubanino A.Medvedeva gvidis ekskurson tra la ekspozicio de Martiros Sarjan ( bedaŭrinde ŝi kuraĝis nur kelkajn enkondukajn vortojn diri en E, la cetero estis rusa, sed tre kvalifika, ĉar ŝi antaŭ jaro finis en Leningrado la instituton de Repin kaj estas bakalaŭro de artoj en la muzeo). Oni lasis en la libro de impresoj dulingvan enskribon.

Al la originalaj momentoj necesas aligi ankaŭ tion, ke dum la malfermo en la nomo de zaporoĵiaj kurskomencantoj elpaŝis studentino de fremdlingva fakultato el ZPI Carmen Ambrosi, kiu finis sian E-saluton per kelkaj frazoj en sia gepatra lingvo, en la itala, por montri ĝian similecon al E. Ŝi ĉiujn ĉarmigis kaj donis necesan senton de internacieco, kio tre impresis la novulojn.

El organizaj malglataĵoj estis tio, ke duono de la venintoj ne kunhavis la pasporton kvankam sciis, ke enhotelos. Ankoraŭ fiaskis dancovespero en la politeknika instituto (la dancoj devis komenciĝi tro malfrue), do estis farita urĝa programŝanĝo: en la uzina turista klubo "Siĉ" V.Rjabokonj mastre akceptis ĉiujn kaj organizis porubligon. Do dank' al tio okazis dancoj, koncerto, komuna vintrinkado. Kelkiuj, vere, restis malkontentaj pri la vespero, mi tamen supozas, ke, se ĝi ne okazus, malkontentus pro enuo novuloj. Laŭdinda estas Sanĉjo Kuprienko, kiu anstataŭ grumbli proponis sian helpon, dum kelkaj aliuj fiksis ĉiun mispaŝon de la organizantoj. kaj konstatis malbonan organizon.

Nun pri la oficiala parto. Fakte ne estis kunsidoj en la kutima senco de tiu vorto, nur interparoloj en kuluaroj. N.Starodubcev informis pri ILEI. A.Rogov faris gravajn sciigojn pri "Amikeco", kelkaj homoj abonis ĝin. Oni decidis, ke "Ukrainiaj informoj" estu malgrandaj (kiel la eksa KKK), kaj pli gravaj primovadaj kaj aliaj materialoj estu sendataj al "Aktuale" kaj "Amikeco". Akraj estis disputoj pri la jam malnova temo: ĉu por E-o, ĉu per E-o. La opinioj estis diversaj. Mi insistis, ke varbado kaj disvastigo de E-o estas dume la ĉefaj kaj la plej urĝaj laboroj, almenaŭ en la kondiĉoj de nuna stato en Ukrainio. Multe gravas, miaopinie, la "Ukrainiaj informoj", ĉirkaŭ kiuj ni devas unuiĝi en nia regiono. O Laŭdon meritas laegado de A.Rogov, kiu tre helpis al fondiĝo de nova klubo en Lvovo, kaj vidas sian ĉefan taskon en pliaj streboj al aktivigo de Okcident-Ukrajnio.

Promesoplenaj paroloj de novaj homoj el Berdjansk, Nikolaev, Pavlovgrad estu kontrolotaj. Certe tiuj urboj bezonas helpon, kaj ZKE penos tion fari.

Jen kelkaj statistikaĵoj. Venis 40 aliurbanoj: el Ĥarkov - 10, Poltava - 11, Ĥmelnickij - 7, Berdjansk - 4, Novomoskovsk - 4, Doneck - 2, Nikolaev - 1, Pavlovgrad - 1. Aliĝis, sed ne venis: Odesa - 1, Avdeevka - 1. Krome plene la renkontiĝon aŭ nur parte partoprenis 10 lokanoj, do entute 50 homoj. El Kievo venis neniu, eĉ ne reeĥis malgraŭ la antaŭa insisto de M.Linockij pri nepra renkontiĝo en Zaporoĵje.

Oni decidis dume praktiki ukrainiajn E-renkontiĝo en sama karaktero, kaj zaporoĵianoj konsentis esplori eblecon de turista E-tendaro (iom pli longa ol la aŭtuna) somere antaŭ SEJT-17.

D.Kolker (Zaporoĵje)

SOPIRAJ SPERTOJ DE CRERR

La 7-9 de novembro okazis la dua malsukcesa aŭ la dekdua vica renkontiĝo de Centro-Rusiaj E-kluboj. Nome la fakto, ke unu post la alia du CRER-oj fiaskis, igis la partoprenintojn eksidi tuj kaj serioze priparoli la kaŭzojn de tiuj-ĉi fiaskoj kaj ilian eviteblon en estonto. Dum la kunsido aperis kelkaj interesaj opinioj kaj decidoj, kiujn mi volas prezenti al la legantoj de "Aktuale".

Sed komence kelkfraze pri la renkontiĝo mem. Ĝin organizis la Leningrada klubo kun helpo de sufiĉe proksima Tiĥvin. Partoprenis pli ol 50 personoj el 6 SEJM-urboj: Moskvo, Tula, Ivanovo, Leningrad, Tiĥvin, Siktivkar. Krome - Vitebsk kaj Ŝuja. Dum la renkontiĝo okazis unu ŝipa kaj multaj piedaj vagadoj tra la festa Leningrado, ekskurso al la ekspozicioj de trezoroj el la tombejo de Tutanĥamon-faraono, gastoj kaj mastroj vizitis ankaŭ la koncerton de hinda popola arto. La 8-an de novembro okazis en Kirov-palaco trihora solena kunsido, kie krom salutparoloj estis tre interesa elpaŝo de k-do S.N.Podkaminer pri nuntempa situacio en UEA kaj pri MEM-aferoj. Estis ankaŭ pridiskutitaj kelkaj demandoj de SEJM-graveco. Normala renkontiĝo, ĉu ne? Tamen sekvatage, la 9-an, preskaŭ ĉiuj partoprenintoj, kiuj kunvenis por daŭrigi la diskuton, komencis paroli,kaj evidentiĝis, ke:

a) neniu el la ekskursoj estis pripensita, la homoj simple vagadis;

b) pro manko de taŭga kunvenejo forestis en la programo festa vespero, kaj tiu, organizita spontane en la knabina loĝejo, pasis tute ne brile;

c) la hinda koncerto preskaŭ al neniu ekplaĉis;

d) multan tempon forrabis vojaĝoj el la urbo al la loĝloko kaj reen (po 2 horoj);

e) sole utila E-entrepreno estis la solena kunveno (menciita supre), sed ankaŭ dum ĝi la komencantoj dormis pro enuo.

Nu, kaj tiel plu. Preskaŭ la samon vi povas tralegi en la artikolo de S.Smetanina(Ivanovo) pri la maja CRER en Moskvo (Aktuale№-5,p.38).

Provu ni analizi eldiritajn opiniojn. Mi nomas ilin ne mencionte la aŭtoron.

<u>Opinio unua</u>: "Moskvo kaj Leningrado kiel grandaj urboj ne taŭgas por la RR-oj". Malĝusta, ŝajne, opinio. Renkontiĝon bonigas ne la urbo, sed la organizantoj. Kaj en granda urbo estas multego da eblecoj por bone distri la partoprenantojn. Antaŭ kelkaj jaroj estis en Kievo (ankaŭ granda urbo) b r i l a E-renkontiĝo de ukrainiaj kluboj. Ĉio estis pure esperantista: la ekskursoj gvidataj de E-ĉiĉeronoj, la kunsidoj, la drinkvespero en kafejo, kie eĉ la loka orkestro ludis "Esperanto estas la lingvo por ni", eĉ vizito al "Karmen", ĉar esperantistoj sidis en apartaj loĝioj. La renkontiĝo tie estis preparata dum monatoj, kaj preparis ĝin bonegaj organizantoj: K.Velkov, Matvijiŝin, Zacarnyj. En Moskvo kaj en Leningrado la prepartempo daŭris 2-3 semajnojn, taŭgaj organizantoj preskaŭ mankis.

<u>Opinio dua</u>: "Mi nenion novan esperas jam ricevi de la renkontiĝoj, vizitas ilin nur por renkonti malnovajn amikojn". Danĝera opinio, atestanta degeneradon de CRER-oj, sed,fakte, vera. La programoj ripetiĝas, kaj eĉ kantojn oni kantas la samajn, tedintajn jam, ĉar novajn simple ne scias. Necesas do serĉi novajn vojojn, novajn interesajn programerojn aŭ por jaro almenaŭ rifuzi (ripozi) de renkontiĝoj (eble aperos dum ĉi-tempo freŝaj ideoj).

<u>Opinio tria</u>: "La ĉefa tasko de la renkontiĝoj - preparado de niaj regionaj komencantoj. Do la programo de la renkontiĝoj devas esti pure aŭ plejparte distra". La opinio pridiskutindas. Ankaŭ mi ne tre emas dum festaj bonveteraj tagoj sidi kaj babilaĉi kun kelkaj interesiĝantoj. Aliuj dum ĉi-babilado dormas. Estas bezonataj interesaj prelegoj (interesaj por ĉiuj), interŝanĝo de opinioj laŭfake, ekz. pri instrumetodoj, sed ne diskutado komuna pri SEJM-gravaj demandoj. Mi proponus limigi programon de la komunaj kunsidoj jene: raportoj de urboj, 1-2 regionaj demandoj kaj la plej urĝaj demandoj de SEJM-graveco, kiuj postulas tujan solvon.

Kaj fine,kelkaj decidoj pri la Centro-Rusiaj renkontiĝoj de 1975-a. La majan renkontiĝon organizos tulanoj en arbaro apud Oka. La unua informilo devas aperi martfine. La renkontiĝo enhavos nepre

bonan piedekskurson, turisman, kuiristan, belolegan k.a. konkursojn, ekzamenon por komencantoj el diversaj kluboj, kantojn, dancojn kaj koncertojn ĉe fajro, se ne malhelpos denove la vetero. La 14-an, novembran, GRER-on pretas bone prepari Ivanovo.

M.Bronŝtejn (Tiĥvin)

SALUTON OMSK! SALUTON GEAMIKOJ!

Ĉi-jaran aŭtunan renkontiĝon de Okcident-Siberiaj E-istoj organizis Omsko. Kvankam ĝis la lastaj tagoj ne estis klare, ĉu omskanoj sukcesos nin akcepti, ĉio rezultiĝis bone.

Ĝi estis la unua posttendara renkontiĝo de siberianoj, tial oni atendis ĝin ŝaŭmon senpacience. La E-atmosfero eksenteblis jam en la stacidomo, kie nin renkontis tiel mastroj, kiel jam venintaj gastoj. Ŝercoj, rido, demandoj... Kvazaŭ ne estis la posttendaraj tri monatoj. La mastroj lokigis nin en la hotelo "Siberio" en la centro de la urbo. La lokoj estis jam antaŭe rezervitaj, tial la enhoteligo pasis glate. En la hotelo oni estis jam atendataj. Ĉiuj gastoj kolektiĝis en ĉambro de novosibirskaj knabinoj. Kiom da konataj vizaĝoj! (Ankaŭ nekonataj estas). La babilado kaj festenado daŭris en profundan nokton, eĉ la hoteldeĵoranto, vidante niajn feliĉajn vizaĝojn, cedis al ni kaj permesis brueti kaj kanteti.

La sekvan tagon, la 8-an de novembro, jam dematene komenciĝis telefonaj intervokoj, reciprokaj matengratuloj. Post la matenmanĝo en apuda manĝejo ĉiuj direktis sin al proksima teknikumo, kie okazis daŭrigo de la programo. KGS, sed iom nekutima, ĉar partoprenis ĉiuj. Post ĝi ni kun granda intereso aŭskultis la prelegon de k-do R.J.Sikorskij "Kelkaj esperantologiaj verkoj".

Post la tagmezo komenciĝis la oficiala parto de la renkontiĝo. En la loĝejo de A.Fjodorov kunvenis aktivuloj, la ceteraj homoj ekokupiĝis pri la reaj biletoj kaj pri preparo al la solena vespero. La tuta posttagmezo estis dediĉita al la solvo de la demandoj, senditaj de M.Bronŝtejn. Kelkaj demandoj elvokis ardan senkompromisan disputon kaj ne ricevis komunan opinion, aliaj estis solvitaj rapide kaj unuanime, triaj estis simple priparolitaj, ĉar pro sia amplekso bezonis pli vastan diskutantaron kaj pli multan tempon. Mia opinie estis farite tute ĝuste, ke ni ne enprofundiĝis en la demandojn de la tria grupo. Krome ne estis ebla pli-malpli fundamente solvi ilin sen la antaŭa prepariĝo, ĉar la demandoj estis senditaj nur al la urbo-mastro. Estas dezirinde en estonto dissendi la solvendajn demandojn al ĉiuj SEJM-urboj aŭ eĉ prefere publikigi ilin en "Aktuale", por ke la partoprenontoj de renkontiĝoj povu ilin trastudi kaj serioze argumenti sian starpunkton.

Vespere en kafejo estis festa aranĝo kun dancoj, kantoj, koncerto kaj, certe, kelkaj glutoj da vino. En la vespero kaj en la renkontiĝo ĝenerale estis reprezentitaj 6 siberiaj urboj: Omsk, Ust-Kamenogorsk, Barnaul, Novosibirsk, Tjumen, Ufa. Entute la renkontiĝon partoprenis proksimume 50 homoj, el ili ĉ. 30 estis gastoj. Ĉiujn regis amikeca humoro, ĉiujn kaptis esperantista atmosfero. Ni disveturis malfruvespere kaj ankoraŭ ekster la kafejo kaj antaŭ la hotelo aŭdiĝis E-kantado kaj gaja rido. En la hotelo ni ankoraŭ ne baldaŭ disiris, ni ankoraŭ spektis lumbildojn pri SEJT-16, produktitajn de barnaulanoj.

La 9-an dematene ĉe la hotelo nin atendis ekskursa aŭtobuso, kiu veturigis nin tra la urbo laŭ ĝiaj historiaj lokoj kaj vidindaĵoj. Kvankam ĉiujn posedis gajemo, sed kun la frosto ni ne trovis komunan lingvon kaj estis devigitaj koncizigi la ekskurson.

Pli vespere okazis ankoraŭ unu nelongedaŭra kunsido, la ĉefa temo de kies estis: SEJT-17 kaj preparo al ĝi. Estis proponite, ke fine de julio kaj komence de aŭgusto funkciu laborbrigado el dezirantoj, kies taskoj estas bone prepari la tendarejon. La propono

trovis ĉiesan subtenon. Do dezirantoj anoncu sin ĉe B.Anoĥin:
492018 Ust-Kamenogorsk-18, abon. k. 312.
La 9-an vespere ĉiuj disveturis, forportante en si agrablajn rememorojn kaj amikecan varmon.
Ĝis la sekva renkontiĝo, geamikoj! Ĝis revido, Omsk!

V.Ebel (Barnaul)

KELKAJ PENSOJ PRI LA UNUA LENINGRADA CRER

CRER-12 en Leningrado pasis kontentige, kvankam ĝin organizis sola Varvara Petrovna Cvetkova. Tiĥvinanoj kiel helpantoj restis nur surpapere, ĉar krom la vizito al la Vintra palaco kaj spekto de la tombejo de Tutanĥamon ili nenion plu helpis. Neniu rajtas kulpigi s-inon Cvetkova, des pli, ke ŝi bonege organizis la renkontiĝon kun f i n n o. (gasto el Finnlando), kaj nur ni kulpas, ke estis tiu fino.
Pli interesan raporton dum la CRER prezentis T.Loskutova (Ivanovo). Ivanovaninoj elektis ripetindan vojon: en la plano de E-laboro gravan lokon okupas k o m s o m o l a laboro. Sed min timigas tiu konstato, ke iuj el ivanovaninoj en pli intima rondo eldiras jenan opinion pri regionaj renkontiĝoj: "Mi ĉi-tien veturadas nur por renkonti miajn amikojn". Certe, tio-ĉi estas ne malbone, sed krom tio-ĉi devas progresi intensiva reciproka informado, ekz., en metodika laboro de E-instruistoj. Ni devas strebi al tio, ke la instru-metodologio de Esperanto estu modelo por la instru-metodologioj de aliaj lingvoj. Surbaze de la reciproka informado ni post la renkontiĝoj povus doni pli ampleksajn, science argumentitajn respondojn al la kontraŭuloj de nia Lingvo kara. Plejparte duma la renkontiĝoj sekvas nur raportoj, sed por pli profunda analizo de kluba kaj individua laboro kaj ilia pridiskuto mankas tempo la SEJM-konferenca manko, kiam oni donas vorton al la SEJM-reprezentantoj, kiuj raportas pri la "tagoj pasintaj". Anstataŭ tio lasu unu ekzempleron de la raporto al lia moŝto sekretario de SEJM s-ro Ŝilas kaj la duan pendigu sur la tendaran ŝildon. Ĉiu aktivulo povu ĝin spekti, same kiel ni spektis dum SEJT-16 la raportojn de la plej bonaj E-kluboj de SEJM: Ufa, Riga, Klaipeda. Kiom da tempo ni ŝparos por pridiskuto de la demando: kiel ni agas kaj kiamaniere agos estonte.
Tiu-ĉi konstato estas tre aktuala nuntempe, kiam la sciencaj informoj rapide malnoviĝas.

A.Kogan (Tiĥvin)

## I n f o r m o j * A n o n c o j * P e t o j * S c i i g o j

Karaj tradukemuloj!

Mi petas vin anonci viajn moŝtojn al mi individue aŭ po-grupe, indikinte vian E-kvalifikon kaj la ŝatatajn aŭtorojn, kies verkojn vi ŝatus traduki (eble eĉ la verkojn mem), por koordino de tradukekzerca ŝvitlaboro.

V.Samodaj, estro de la Traduka fako;

113519 Moskva, Krasnogo Majaka, 8-2-107, Samodaj V.V.

* * *    * * *    * * *

La insignoj en Alma-Ata ne plu estas, pro tio ne necesas jam direkti la monon al Gercikov. Kiu jam sendis - ne maltrankvilu, oni promesas produkti ankoraŭ, kaj SEJM mendis 1000 ekz. Atendu informojn.

N.Cvileneva

K o r e k t o: en la adreso №11 ("Aktuale-10, p. 92) anstataŭ "Prezidentu" legu "Predsedatelju prezidiuma", anstataŭ "kulturniĥ svjazej" - "kulturnoj svjazi".

* * *  * * *  * * *

Notu la adreson de SEJM-reprezentanto por Birsk:
452320 Baŝkirio, Birsk, Kommunistiĉeskaja, 3, Trapeznikova Ludmila.

* * *  * * *  * * *

N o v a j  s u b t e n a n t o j:
20. BOGAPOV Jurij Sjemjonoviĉ, ul. Sovetskaja 104, Zvadin stancija, Poĉtaĉinskij raj., Samarkandskaja obl.,704114.
21. KOTELNIKOV Aleksandr Konstantinoviĉ, G.Koroljovoj, 9-19, Volgograd, 400015.
22. SMETANINA Svetlana, 2 Frunze, №5, urbo Ŝuja, Ivanovskaja obl.,155600.
23. MALOVAJSKIJ Pavel Avgustoviĉ, Bijsk-22, do vostrebovanija, Altajskij kraj, 659322.
24. SAPOJNIKOV Vladimir S., a/ja 2420, Krasnojarsk-75, 660075.
25. NEILANDE Saulcerite, 226014 Riga-14, Glika,9-2.

* * *  * * *  * * *

Kiel estas konate, dum la lasta SEJM-Konferenco estis decidite abone subteni la neSEJM-an kultur-literaturan revuon "Amikeco". Ĝi pretas publikigi prozaĵojn (originalajn preferinde kaj tradukitajn), versojn, grandajn prilingvajn artikolojn (kiujn pro la amplekso ne eblas publikigi en "Aktuale") ktp. La organo estas 24-paĝa kaj aperas ĉiujn du monatojn. La aponpago estas 4rb. 50k.
La materialojn bonvolu sendi al la adreso:
281401 Ivankovci, Ĥmelnickogo r-na/obl.,Rogov Andrej Borisoviĉ.

* * *  * * *  * * *

Kiuj ne havis la feliĉon partopreni la aŭtunan literaturan "Muzo-74" apud Vilnius, povas prunterịcevi ĉe "Juneco" (232000 Vilnius, a/d 61) serion el 36 diapozitivoj kune kun la laŭbilda priskribo kaj per ili variigi la kluban kunvenon.

V.Ŝilas (Vilnius)

* * *  * * *  * * *

En Kartvelio aperis libro "Psiĥologiĉeskie osnovy ustnoj inostrannoj reĉi", en kiu oni moderne klarigas la problemojn de instruado de fremdaj lingvoj. La verko bone taŭgas por E-instruistoj. Ĝin vi povas mendi libro-per-poŝte aŭ peti pri akiro ĉe kartvelaj samideanoj. La donitaĵoj de la libro:
A.A.Alĥaziŝvili "Psiĥologiĉeskie osnovy ustnoj inostrannoj reĉi",Izdatelstvo "Ganatleba", Tbilisi, 1974.

A.Gonĉarov (Barnaul)

* * *  * * *  * * *

D e  l a  R e d a k c i o:
Ekde januaro ĉiu vica numero de "Aktuale" estos fermata la 10-an de ĉiu monato. Bonvolu atenti tion kaj sendi viajn kontribuaĵojn al tiu dato.

S U K C E S O J N  E N  L A  1 9 7 5 !

---

Redaktis V.Ebel

Redakcio:
656099 BARNAUL-99,
abon. k. 11, "Aktuale".